# Internacia Pedagogia Revuo

## (I. P. R.)

Oficiala, monata organo de

**Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.)**

Jara abono: Sm. 1,500. — Senpage por la membroj de I. A. I.

Membra kotizajo por 1 jaro (La asocia jaro komencas la 1an de Aŭgusto)
- ordinara membro: 1 Sm.
- membro-propagandulo: 4 Sm.
- membro-donaculo: 10 Sm.

N.-B. — I. A. I. ankaŭ akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj helpas ĝian agadon.

**Tarifo pri anoncoj.**

Por unufoja enpreso:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1/1 paĝo | Sm. 16 | 1/8 paĝo | Sm. 3,200 |
| 1/2 paĝo | Sm. 10 | 1/16 paĝo | Sm. 2 |
| 1/4 paĝo | Sm. 6 | | |

Malgrandaj anoncoj nekomercaj Sm. 0,200.

Rabato por 3-foja enpreso: 10 %

» » 6-foja » 20 %

» » 12-foja » 30 %

N. B. — La membroj de I. A. I. pagas nur je duonprezo, krom la rabato, ĉiujn anoncojn.

---

Avizoj de la redakcio. Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis poŝtpagon por resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laŭ bezono la manuskriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permesataj, se ili ne estas speciale rezervitaj; sed oni ĉiam citu nian revuon kaj sendu al ni almenaŭ 2 ekzemplerojn de la tradukaĵo aŭ represaĵo. — En la fako « Bibliografio » estos registrataj nur tiuj gazetoj aŭ libroj, en kiu ajn lingvo, de kiuj venis almenaŭ 2 ekzemplerojn. — La redakcio respondas letere aŭ poŝtkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo internacian respondkuponon aŭ respondkarton.

Redaktoro-Administranto:

Sro JAN JACOBS, kasisto de I. A. I.,

— Boomsche Steenweg, 414, Antwerpen. Belgujo. —

## Estraro de I. A. I.

Honora prezidanto: Sro Dro E. Boirac, rektoro de la universitato, Dijon (Francujo).
Prezidanto: Sro Th. Cart, profesoro de la universitato (Paris).
Vic-prezidanto: Sro Maréchal, profesoro, Leeds (Anglujo).
Vic-prezidantino: Sino H. Zapater de Chalmot, profesorino, Köln a/R. (Germanujo).
Sekretario: Sro F. Durieux, direktoro de lernejo, 71, rue de Bouvines, Lille (Francujo).
Kasisto: Sro J. Jacobs, komunuma instruisto, 444, Boomsche Steenweg, Antverpeno (Belgujo).
Konsilantoj: Sro P. Christaller, profesoro, Stuttgart (Germanujo).
Sro Building, instruisto (Anglujo).
Sro E. Backheuser, profesoro, Rio de Janeiro (Brazilujo).
Sro Schönherr, instruisto, Dresden (Germanujo).
Sro Dro Clark, profesoro, Arborfield (Anglujo).
Sro O. Simon, profesoro, Wien (Aŭstrio).

## Konstantaj korespondantoj

Anglujo: Fino E. O'Brien. — Aŭstrio. Sro A. Neŭzil. — Bohemujo: Sro J. Süsser. — Bulgarujo: Sro G. Poppoff. — Danujo: Fino A. Mikkelsen. — Finnlando: Sro E. Elenius. — Francujo: Sro J. Aizière. — Galicio: Sro J. Kaszycki. — Germanujo: Sroj M. Sykora & K. Härtel. — Hindujo: Sro J. N. Unwalla. — Irlando: Fino Stark. — Italujo: Sro A. Stromboli. — Nederlando: Sro Lutkie. — Polujo: Sro A. Lipski. — Portugalujo: Sro J. Pires Marques. — Rumanujo: Sro M. Timuŝ. — Rusujo: Sro S. Kuznecov. — Siberio: Sro I. Seriŝev.

I. P. R. estas tute ne profitcelanta entrepreno. Ĝi nur estas la oficiala organo de I. A. I. Ĉar tiu ĉi asocio staras ekster ĉia politika aŭ religia agado, I. P. R. ankaŭ ĉiam portos tian saman karakteron kaj neniam publikigos artikolon kiu povus iel ajn ofendi la politikan aŭ religian opinion de siaj gelegantoj. Oni ankaŭ ĉiam memoru ke ju pli multnombraj la anoj de I. A. I. estos, ju pli granda iĝos I. P. R.

Vendotaj tute je 'la profito de la kaso de I. A. I.: 14 ekzempleroj de « La Tutmonda Lernolibro por paroligi Esperanton », originale verkita de F. L. G. Maréchal, B. A. — Prezo: 0,500 Sm. (afrankite) (Donaco de la aŭtoro).

10 ekzempleroj de « Noto pri la Iniciĝo Matematika » (16 desegnajoj en la teksto kaj unu folio eksterteksta kun 16 desegnajoj), verkita de Jacques Camescasse. — Prezo: 0,400 Sm. (afrankite) (Donaco de la aŭtoro).

77 Akvo-trinkpokaletoj por la migrulo. — Prezo: 3 ope por 0,100 Sm. (1 respondkupono) (afrankite) (Donaco de Sro E. Ulitzsch).

Oni mendu tuj ĉe la administranto de I. P. R.

Presejo Esperantista: J. Heylen-Andries, Antwerpen.

Sinjoro P. A. Schendeler, lernejestro Maria-Heide, Veghel, Nederlando, deziras ricevi de geinstruistoj ĉiulandaj mallongajn sciindaĵojn pri instruaferoj. Li al ĉiuj respondos ĉu per P. I., ĉu per letero pri holanda instruado kaj instruisto.

---

# LUEBLA

# Ĉu geknaboj facile lernas Esperanton?

Mi plezure sciiĝis ke ĵurnalo, tiel utila kiel estas I. P. R., revivas post tro longa dormado. Laŭ mi, ne ekzistas homoj kiuj devus sin interesi pri la demando pri Internacia lingvo pli entuziasme ol la geinstruistoj de la tuta mondo. Efektive, nia nobla profesio, la celo de nia vivo, estas eduki la estontojn mastrojn de la mondo. Laŭ la ordinara regulo, ni povas diri: « Kia edukado, tia konduto. » Malgraŭ la esceptoj, tiu regulo estas vera. Do, nia sankta tasko estas ne nur instrui la intelekton de niaj karaj lernantoj, sed precipe formi noblajn homojn. Ĉiu inda pedagogo konstatas ke egoismo estas la plej komuna danĝero ĉe la geinfanoj. La tuta morala edukado de la juneco devas emi eksciti ĉe la infanoj la amon al siaj gefratoj ne nur samnacioj, sed ankaŭ fremdaj. La penso de la latina poeto « homo sum et nihil humani a me alienum puto » enhavas la ĉefrisorton de la sociala edukado.

Sed kie trovi pli praktikan rimedon por ekveki tiun senton ol la lingvo internacia, kaj tiun « novan senton », Esperantismon, kiun la uzado de tiu lingvo preskaŭ ĉiam ekscitas? Estas nur kiam la infanoj komencas sperte scii per internacia interkorespondado ke ekzistas en ĉiuj landoj infanoj kiuj tute similas al ili, infanoj kiuj nur deziras amikiĝi kun ili kaj partopreni en ilia knaba vivo, ke ili praktike komprenas kaj sentas ke ĉiuj homoj estas gefratoj, ke la tuta homaro estas unu « granda rondo familia. »

Do, la veraj homemaj geinstruistoj kiam ili povus, kiam iliaj superuloj tion permesas, instruos siajn gelernantoj pri Esperanto, eĉ se por tiel fari, ili devas doni kursojn post la ordinaraj horoj, eĉ se ili havus nenian mongajnon pro tio.

Sed oni demandas kelkfoje ĉu la junaj geknaboj facile lernas Esperanton, ĉu oni ne devas atendi ĝis kiam la lernantoj posedas almenaŭ bonan scion pri sia propra nacia lingvo? Mia sperto permesas al mi nepre respondi al tiu demando nee. Kompreneble gejunuloj 14,15 jaraj kiuj bone scias la gramatikon de unu aŭ du lingvoj, precipe tiuj, kiuj komprenas, eĉ nur iomete la latinan aŭ grekan gramatikon, lernas Esperanton

multe pli rapide ol la infanoj kiuj ne ankoraŭ scias la gramatikon de sia patrina lingvo. Sed mi ofte spertis ke eĉ tiaj infanoj povas tre bone kaj tre rapide lerni la facilegan gramatikon de Esperanto, skribi, legi kaj paroli ĝin tre korekte. Plue, tiu studado multe helpas al ili lerni la malfacilajn regulojn gramatikajn de sia nacia lingvo kaj de la fremdaj lingvoj kiujn ili devas lerni en la lernejo aŭ kolegio.

Mia konvinko pri tio estas tiel firma ke mi estas preta garantii ke mi lernigos Esperanton al iu ajn knabo je 12 ĝis 15 jara, kondiĉe ke li havu normalan intelekton kaj ke mi povas doni al li instruadon dum unu horo ĉiutage dum unu monato. Mi garantias ke mia lernanto, post unu monato, scios perfekte la gramatikon, ke li legos flue ĉiun ordinaran libron, ke li korekte skribos kaj fine ke li jam tre bone interparolos Esperante ne nur kun mi, sed ankaŭ kun iu ajn fremdulo, kiu bone parolas Esperante. Rimarku, mi nur postulas knabon kun ordinara, normala intelekto. Kompreneble, kaj tion ni bone scias, ekzistas kelkaj infanoj preskaŭ nekapablaj lerni ion kio postulas intelektan laboron.; sed tiaj infanoj estas, dank' al Dio, esceptoj. Due mi ne postulas iun ajn gramatikan scion. Mi jam lernigis Esperanton al 14 jara knabo, kiu nur povis legi kaj skribi. Se ni memoras la fakton ke multaj lernantaj en niaj plej bonaj kolegioj, post sesjara studado de fremda lingvo, estas nekapablaj skribi sufiĉe longan leteron aŭ partopreni en serioza interparolado per tiu fremda lingvo, ĉu ĉiu vera amiko de la popola edukado ne devas beni la donacon de D^ro^ Zamenhof, Esperanton, per kio knabo, post unu monato da studado, povas facile interkomuniki kun Japano, Ruso aŭ Bulgaro?

Alian fojon mi skribos kelkajn vortojn pri la metodo kiun mi sekvas por instrui Esperanton. Ĝi multe malsimil'as la sistemon kiun mi sekvas por lernigi la anglan aŭ alian nacian lingvon, tial ke la simpleco kaj la reguleco de Esperanto postulas tutan apartan metodon ol lingvoj malsimplaj kaj terure malregulaj.

Abato Aŭstin Richardson, L. K.,

Profesoro en la « Institut S[t] Louis », Brusclo.

# La eltrovinto de la suda poluso.

—

(Laŭ sciigoj el diversaj gazetoj esperantigis Alois Halamasek, instruisto en Unter-Themenaŭ, Nieder-Osterreich, Aŭstrio). La eltrovinto de la suda poluso estas la norvego Roald Amundsen. Li atingis la sudan poluson kun 4 akompanantoj kaj 52 hundoj. La temperaturo atingis 23 gradojn Celsius sub la glaciopunkto. La plej suda punkto de la tero troviĝas sur vasta, de malmola glacio ĉirkaŭita ebenaĵo. Tiun ĉi ebenaĵon Amundsen alnomis « Haakonlando » laŭ la nomo de la norvega reĝo Haakon. La irado al la suda poluso daŭris de la 20a de Oktobro ĝis la 14a de Decembro 1911.

Sur la speguloglataj glaciaj areaĵoj ili ĉiutage trapaŝis proksimume 25 kilometrojn. Glitilojn aŭ skiojn ili ne povis uzadi sur tiu ĉi teritorio; ili uzadis precipe faritajn glacio-glitveturilojn por rapide antaŭveturi. Per la eltrovo de la suda poluso Amundsen fariĝis konata en la tuta mondo. Honoron al lia nomo! Lia eminenta nomo por eternaj tempoj brilos per oraj literoj en la granda libro de la mondhistorio.

---

## Rusaj kaj slavaj samideanoj, helpu!

Oni nin sciigas el S. Peterburgo ke Sº V. Maskuŝkin eldonanto de nova Rusa Vortaro publike promesis oferi 20 % el neta profito por Esperanta propagando, kondiĉe ke esperantistoj iom diskonigu tiun utilan verkon. Samideanoj kiuj deziras ricevi unu aŭ multajn prospektojn pri tiu Vortaro, estas petataj sin turni al la aŭtoro: S-ro P. Stojan, B. O. 17 lin, 68, k. 25, S.-Petersburg, Ruslando.

---

ALVOKOJ.

—

Por plibonigi la malfortan staton de Esperanto en Norvegujo, la grupo Esperantista en Trondhjem arranĝos ekspozicion dum la nuna aŭtuno. Oni estas afable petata helpi per alsendo de ĉiuspecajn esperantaĵojn al

Ekspozicia komitato de la Grupo Esperantista.

Trondhjem. — Norvegujo.

Ia statistiko pri la stato de Esperanto instruado al popollernejanoj en Saksujo.

Aranĝita de l' Esperanto Asocio de l' Saksa-Instruistaro. M. Sykora, Ia prezidanto.

| Nr | Demandoj | Respondoj laŭ lokoj | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | Doehlen Dr. | Dresden | Leipzig | Schoenaŭ Ch. | Gros-schoenaŭ Z. | Stetzsch Dr. | Weinboehla |
| 1. | Ĉu ekzistas en via loko penadoj instrui Esperanton al popollernejanoj kaj de kiam? | Pasko 1909 | Pasko 1910 | Sept. 1910 | Pasko 1911 | Majo 1912 | Pasko 1912 | Pasko 1910 |
| 2. | Kiom da tempo por unu kurso? | 1 jaro | 1 jaro | 6 ĝis 7 monatoj | 1 jaro | Kursoj ankoraŭ ne finitaj | | 1 jaro |
| 3. | Ĉu deviga aŭ laŭvola partopreno? | Deviga | Laŭvola | Laŭvola | Laŭvola | Laŭvola | Laŭvola | Laŭvola |
| 4. | Kiom da partoprenantoj? A) Knaboj? B) Knabinoj? | 48 | A) 8 B) 13 | A) 17 B) 15 | A) 14 B) 20 | 62 | 10 | A) 1 B) 5 |
| 5. | El kioma lerneja jaro? | 7., 8. | 6., 7., 8. | 6., 7., 8. | 7., 8. | 7., 8. | 7., 8. | 8 |
| 6. | Lernlibro? | Schoenherr | Schoenherr | Becker - Grosjean - Maupin-Sprotte | Schoenherr | Nekonata | Schoenherr | Borel |
| 7. | Sukcesoj. Ekzamenoj. | Bonaj. Pasko 1910 1911 1912 | Bonaj 1911 1912 | Bonaj 1911 | Bonaj 1912 | Kursoj ankoraŭ ne finitaj | | Bonaj 1911 |
| 8. | Ĉu oni ankaŭ instruadas en la lernejo anglan aŭ francan lingvojn? | Anglan Francan | Anglan Francan | Francan | — | — | — | Anglan Francan |
| 9. | Rezolucio de l' estraro lerneja? | Favora | Prokrastema | Prokrastema | Favora | Favora | Prokrastema | Prokrastema |
| 10. | Rezolucio de A) l' gepatroj B) l' kolegoj | Favora | A) Favora B) Indiferenta aŭ eĉ malamika | A) Favora B) Indiferenta aŭ eĉ malamika | Favora | Favora | A) Favora B) Indiferenta | A) Favora B) Parte favora parte indiferenta parte malamika |
| 11. | Okazo por daŭrigi la lernadon? | Esperanto-grupo por plenkreskuloj | Esperanto-Junularo unuiĝo Enjuneco nia espero | Junulara rondo | Esperanto-grupo por plenkreskuloj | Ne konata | Ne konata | Esperantista societo por plenkreskuloj |

La Kieva Esperantista Societo « Verda Stelo » sciigas ke ĝia urbo preparas grandegan ekspozicion kiu enhavos esperantan fakon. Por subteni la klopodojn de niaj tieaj gesamideanoj oni estas petata sendi laŭ adreso : Kiev, (Rusujo), Nikolajevskaja, 9, magazeno de Sro Sepe, « por ekspozicio » ĉiujn ajn esperantaĵojn. Sendaĵoj, laŭ deziro, povos esti resendataj post la fino de l'ekspozicio.

---

MEMBROJ KIUJ ALIĜIS ANTAŬ
LA 15a DE OKTOBRO 1912.

95. Fino Rydarowska Stefania, Jadowniki, Brzesko (Galicio-Aŭstrio 1 Sm.
96. Fino Iwanicka Wladyslawa, Chelmek Oswiecim (Galicio-Aŭstrio 1.—
97. Sro Wladyslaw Jeziorski, Polska Ostrawa, polska szkota (Silezio-Aŭstrio) 1.—
98. Sro M. Boubon, Baule apud Meung s/L. (Loiret-Francujo) 1.—
99. Sekcio de l'departemento Rhône de la franca societo « L'Esperanto à l'Ecole » 1.—
100. Sro P. A. Schendeler, Maria Heide, Veghel (Nederlando) 1.—
101. Sro Verlaque, Ecole Chartreux-Eglise, Marseille (Francujo) 1.—
102. Sro Dro Konst. Ŝidlovsky, M. Bronnaja 15, kv. 74, Moskvo (Rusujo) 1.—
103. Fino Maria Ŝidlovskaja, Puŝkino, Aleŝino, Moskvo (Rusujo) 1.—
104. Sro Ilmari Manner, Mouhijârvi, (Finnlando-Rusujo) 1.—
105. Fino Rosa Bye, Herman Fossgate, 10, Kristiania, (Norvegujo) 1.—
106. Fino Josefine Finholdt, Akersbakken, 25, Kristiania (Norvegujo) 1.—
107. Revela Esperantista Grupo « Walwaja », Malgr.-Pernovastr, 31, Reval (Rusujo) 1.—
108. Sro Ernst Klemm, Barbarossastr., 8, Chemnitz, (Germanujo) 0,980

MALNOVAJ MEMBROJ, KIUJ PAGIS
SIAN KOTIZAĴON POR LA JARO 1912-1913.

11, Sro Ch. G. Stuart Menteth (1 Sm); 65, Sro Rouveret (1 Sm.) 53, Sro Anfroy (1 Sm); 1, Sro Ranfaing-Zabilon d'Her (1 Sm.); 28, Sro Dro A. Stromboli (1 Sm.); 50, Sro Fafet (1 Sm); 59, Sro Fr. Drudin (1 Sm.); 76, Sro A. Giraud (1 Sm.); 26, Sro F. Durieux (1 Sm.); 27, Fino F. Durieux (1 Sm.); 54, Fino F. van Amelsfort, (1 Sm.); 20, Sro S. Kuznecov (1 Sm.); 67, Sro A. Punjko, (1 Sm); 7, Fino G. Desserin, rue des Beaux Arts, 3, Bourges (Francujo); 5, Fino H. Fryer (1 Sm); 18, Fino E. A. Lawrence, (1 Sm); 46, Fino E. Metcalf (1 Sm); 41, Fino F. Wickelgren (1 Sm); 47, Sro W. Phillimore, (1 Sm); 6, Fino N. E. Stark (1 Sm); 2, Fino E. O'Brien, (1 Sm); 56, Sro C. Sterkenburg, (1 Sm); 31, Sro A. Valoušek, (1 Sm).

---

MONOFEROJ

Sro P. A. Schendeler, 1 Sm. — Sr. A. Giraud, 0,700 Sm. — Sro. F. Durieux, 1,340 Sm. — Fino G. Desserin 1 Sm. — Fino H. Fryer, 1 Sm. — Revela Esperantista Grupo, 0,600 Sm.

VENDITAJ : 1 Noto pri Inicilo Matematika (0,400 Sm.) al Sro Zajchowski Zygmunt; 1 Tutmonda Lernolibro (0.500 Sm.) al Sro Giraud; 1 noto pri Inicilo Matematika (0.400 Sm.) al Sro Giraud; 1 Tutmonda Lernolibro (0,500 Sm); 1 Tutmonda Lernolibro (0,500 Sm) al Sro C. Sterkenburg.

---

# BIBLIOGRAFIO.

LA IDILIO ĈE LA FONTO DE VENCHIEREDO, tradukis A. Tellini; no. 15 de « Esperanta Abelo; prezo : Sm. 0,250.

GVIDLIBRO DE L'URBO RAVENNA de A. Tellini. No. 17 de « Esperanta Abelo ».

Ambaŭ verketoj riceveblaj ĉe Esperanto-Oficejo, Vallescura, 11, Bologna, Italujo.

PRIMO MANUALE DELLA LINGUA AUSILIARIA ESPERANTO, pubblicato per iniciative della Itala Esperanto-Asocio. Eldonita de Cooperativa Esperantista Italiana, Salita Pollaiuoli, 13-4, Genova, Italujo. Prezo : Sm. 0,040.

La nec plus ultra el la malkaraj lernolibroj pri Esperanto!

LERNOLIBRO DE ESPERANTA STENOGRAFIO (Unuiga Sistemo Stolze-Schrey), eldonita de Emil Stark, Kaiser Friedrichstr. 1, Magdeburg, Germanujo.

HISPANAJ DRAMOJ DE JACINTO BENAVENTE, tradukis Vincente Inglada; nº 23 de Esperanta Biblioteko Internacia. Eldonejo Ader & Borel, Struvestr. 40, Dresden-A. 1, Germanujo. Prezo Sm. 0,100.

LA PATRINOJ de AVETIS AĤARONJAN, esperantigis Dro. Andreo Fiŝer, no 3 de la Esperanta bibliotheko « Danubo ». Eldonejo: Editura Esperanto, 14, Str. Belvedere, Bucuresti, Rumanujo. Prezo: Sm. 0,100.

ESPERANTO, duonmonata internacia gazeto; oficiala organo de U. E. A. Jara abono: 2 Sm. luksa eldono: 2,500 Sm. Adm.: 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo).

---

## ATENTU! GRAVEGE!

Por ne malhelpi la regulan funkciadon de nia asocio kaj la regulan aperadon de la revuo, la malnovaj membroj estas petataj senprokraste sendi sian kotizaĵon.

LA KASISTO.

---

## Avizo al la verkistoj kaj eldonistoj

Se vi vere deziras ke viaj verkoj kaj eldonaĵoj estu kiel eble plej multe vendataj, anoncu ilin en nia revuo. Viaj anoncoj estos legataj de niaj gemembroj, kiuj ĉiuj estas ne nur fervoraj esperantistoj, sed ankaŭ instruantoj de Esperanto. Al ili estas do komisiita konigi viajn verkojn kaj eldonaĵojn.

Gemembroj-verkistoj, profitu de la speciala rabato; neniu alia gazeto oferas al vi tiel profitigajn kondiĉojn!

Gekolegoj, varbu anoncantojn!

BELGA ESPERANTISTO

—

Oficiala monata organo de
Belga Ligo Esperantista.
24 p. Esp., flandre, france
Jara abono : 5 fr. (2 Sm.)
Adm. : 45, Kleine Beersträat,
— Antwerpen —

---

— THE BRITISH
ESPERANTIST —

Oficiala monata organo
de Brita Esperantista Asocio
20 p., Esperante & angle
Jara abono : 3 ŝiling (1,500 Sm.)
Sin turni al la sekr. de B.E.A.
133-136, High Holborn, London

---

— LA ONDO DE
ESPERANTO —

Monata gazeto kun
senpaga literatura aldono.
20 p. Esperante & ruse
Jara abono : 2 rubl. (2,120 Sm.)
Adm. : « Librejo Esperanto »,
26, Tverskaja, Moskvo, Rusujo.

---

— GERMANA
ESPERANTISTO —

Duonmonata gazeto,
Propagando kaj literaturo.
16 p. Esperante & germane
Jara abono : 4,50 M. (2,200 Sm.)
Eldonejo : Ader & Borel
Dresden - A. 1, Struvestr., 40.

---

GERMAN-AŬSTRIA
ESPERANTISTO

Monata gazeto,
8 p., Esperante & germane
Jara abono : 3 K. (1,250 Sm.)
Adm. : VI, Dürergasse, 19,
— Wien —

---

— AMERIKA
ESPERANTISTO —

Oficiala monata organo de
Esperantista Asocio de N.-A.
16 p., Esperante & angle.
Jara abono : (2,500 Sm.)
Adm. : 607, Fifteenthstr., N. W.
Washington, D. C.

---

LA LANGUE
INTERNATIONALE

Monata revuo
12 p., Esperante & france
Jara abono : 1,40 fr. (0,560 Sm.)
Adm. :
39, Grande-Rue, Louhans.

---

SHERLOCK HOLMES EN
SERVO
DE LA HISPANA TRONO
(La unua esperanta satiro)
Deveno kaj Historio
de Esperanto
(Paroladoj de Dr Zamenhof)
Ĉiu : 75 hel. (0,300 Sm.)
Ĉe : Ĉasopis Ĉeskych
Esperantistu.
Praha II, Dittrichova ul. 7.
— Bohemujo —

— DANUBO —

—

Monata organo de la rumanaj kaj bulgaraj Esperantistoj.

32 p., nur en Esperanto

Jara abono : 3.50 fr. (1,400 Sm.)

Adm. : 14, str., Belvedere, Bucuresti, Rumanujo.

---

LINGVO INTERNACIA

—

Centra organo de la Esperantistoj

La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj, fondita en 1895, aperas post la 15a, de ĉiu monato.

Jara abono : 5 fr. (2 Sm.)

JUNA ESPERANTISTO —

—

Monata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj

Jara abono : 2,50 fr. (1 Sm.)

Ambaŭ gazetoj kune : 6,25 fr.

Adm. : 33, rue Lacépède

— Paris —

---

— POLA ESPERANTISTO —

—

Monata gazeto kun senpaga literatura aldono

Oficiala organo de la 8a

20 p., Esperante & pole

Jara abono : 2,50 rb (2,650 Sm.

Adm. : Hoza 20, Varsovio.

— FRANCA ESPERANTISTO —

—

Monata orgona de la francaj esperantistoj.

16 p., Esperante & france

Jara abono : 3,75 fr. (1,500 Sm.)

Adm. : 46, Boulevard Magenta

— Paris —

---

— LA HOLANDA PIONIRO —

—

Monata oficiala organo de Holanda Societo Esperantista

4 paĝa, grandformata, Esperante & holande

Jara abono : 1,20 fl. (1 Sm.)

Adm. : Prinsestr., 48, Hago.

---

ITALA ESPERANTISTO

—

Monata oficiala organo de Itala Esperanto Asocio

12 p., Esperante & itale

Jara abono : 3 l (1,20 Sm.)

Adm. : 13, Salita Pollaiuoli,

— Genova —

---

— TUTMONDO ESPERO —

—

Oficiala, monata organo de la Kataluna Esperantistaro.

16 p., Esperante & katalune

Jara abono : 3 fr. (1,200 Sm.)

Adm. : str. Tallers, 81, Barcelono. — Hispanujo.